# MIRMEKOBO 18

aprilo 2012

**Redaktoro: Donald Broadribb**

***La URL de la retejo de Mirmekobo estas:***

http://mirmekobo.com

*Sur paĝo 1: Argyroxiphium sandwicense, tre rara planto trovebla nur sur la vulkana insulo Maui, parto de Havajo. (Foto far Forest & Kim Starr.)*

## TABELO DE ENHAVO



## ĜENERALA INFORMO

*Mirmekobo* estas per-interreta eldonaĵo senpage abonebla, ankaŭ individuaj numeroj estas senpage haveblaj. Ĉiu persono rajtas kontribui al la enhavo de *Mirmekobo*. Neniu surpapera formo de *Mirmekobo* ekzistas. La kialo estas ke la presado kaj dissendado de surpapera ekzemplero estus tre multekosta, tiel ke abono estus ankaŭ tre multekosta. Tamen, se vi mem deziras presi per via komputilopresilo por vi aŭ por alia(j) persono(j) ekzemplerojn de *Mirmekobo*, tion vi rajtas libere fari. Ankaŭ la perretan formon vi rajtas libere dissendi.

La redaktoron vi povas kontakti ĉe donbroadribb@mirmekobo.com

# novelo

## Irenjo: la mistero de la “ŝtelita” globkrajono

**de Donald Broadribb**

Je la ĉeso de la lernojaro, mia okjara filo Roĉjo kunvenigis por la somero sian samklasanon, knabineton nomitan Irenjo. Necesas klarigi: mia filo estas “taglernanto” en internulejo.[1] Antaŭ 3½ jaroj Irenjo ekaperis en la internulejo, kaj de tiam loĝas tie. Pri ŝi ni sciis ke ŝi estas orfo, kaj ŝajne havas neniun konatan parencon. Tre ofte ŝi pasigis la semajnfinon en nia hejmo, sed nun la unuan fojon ŝi pasigos plurajn sinsekvajn semajnojn kun ni.

Irenjo estis tre ĝentila, ĉarma infano, ne multe parolema. Kurioze pri ŝi estis ŝia malemo respondi al personaj demandoj. Ke ŝia patrino mortis antaŭ ok jaroj, informis nin la lernejestro. Post la morto de sia patrino, ŝi loĝis kun sia patro ĝis lia morto. Ni deduktis ke ŝia patrino mortis dum la nasko, sed pri tio ni ne certas. Pri siaj patrino kaj patro Irenjo estis neskueble silenta. Supozeble la morto de ambaŭ estis tiom traŭmata por ŝi, ke ŝi evitis eĉ paroli pri ili. v

Alia kurioza fakto estis, ke ŝi rifuzis ĉiun korpan proksimiĝon al mi kaj ankaŭ al mia edzino. Jam la unuan vesperon, kiam venis la tempo enlitiĝi, dum mi tenis Roĉjon apud mi sur la sofo kaj legis al li rakonton, mi etendis miajn brakojn ankaŭ al Irenjo, por inviti ŝin partopreni. Sed ŝi simple diris: “Dankon, sed mi ne deziras”, kaj restis sidi en brakseĝo — klare aŭskultante kaj ĝuante la voĉlegatan rakonton, sed ne volante ke mi tuŝu ŝin. Simile, kiam mia edzino volis kombi ŝian hararon, Irenjo fortenis sin de ŝi kaj malpermesis ĉian tuŝon.

Tute malsimilis ŝia rilato al Roĉjo. Kiel ĉiuj okjaruloj, ili kunluktis, kunludis, surprizeme ekbatetis unu la alian, kaj kondutis tute normale. Unue mi diskutis kun mia edzino ĉu eble iu (ŝia patro? ŝia patrino? alia persono?) iam seksatencis ŝin? Sed ni konkludis ke ne, nenian el la kutimaj spuroj de tia traŭmato ni povis observi en ŝi. Ĉu povas esti ke nek ŝia patrino nek ŝia patro kutimis karesi ŝin, eĉ neniam korpe konsolis ŝin kiam ŝi kontuziĝis aŭ vundiĝis? Tiun misteron ni neniel kapablis klarigi.

Irenjo estis intelekte tre progresinta, tion ni tuj rimarkis kiam ni unue renkontis ŝin. Korpe normaldimensia por ŝia aĝo, ŝia menso kvazaŭ estis de multe pli aĝa persono. Jes, vere ni ne povis trovi vorton kiun ŝi ne komprenis; ni ne sukcesis peti kalkulon kiun ŝi ne sukcesis fari dum ono da sekundo; kun granda intereso ŝi spektis televido-menciojn pri nigraj truoj, relativeco de tempo kaj spaco, kc. Scivoleme pri tio, ni demandis pri ŝi al ŝia instruistino. Ŝi

[1] Internulejo estas lernejo kie la lernantoj ankaŭ loĝas. “Taglernanto” estas infano kiu loĝas en sia hejmo, sed lernas en la internulejo samkiel en ordinara lernejo.

diris ke en la lernejo Irenjo preskaŭ neniam eraris responde al demando. Dum siaj lecionoj ŝi ŝajnis atenti nenion, sed dediĉis sin al skizado de bildoj aŭ — nekredeble! — skribante partiturojn de preskaŭ kiu ajn simfonio aŭ tonpoemo, plej ofte de Sibelius aŭ Ŝostakoviĉ. Malgraŭ tio, ŝi senhezite korekte respondis, kiam la instruistino senaverte faris demandon al ŝi, pri vortoj aŭ signifoj aŭ kalkuloj.

Tamen pri historio kaj geografio Irenjo tute ne interesiĝis. Kio estas *Magna Carta*? Ŝi ne povis respondi. Kiun dinosaŭron ŝi plej amas? Ŝi respondis nur ke ŝi "ne konas la nomojn de tiuj rusaj verkistoj".

Hejme, kiam ni spektis televide la filmon *Ĵurasia Parko*, la filmo ege ekscitis nian filon Roĉjon. Sed Irenjon? Ŝin tre tedis la filmo, kaj post kelkaj minutoj ŝi formovis sin kaj okupiĝis per ludilaj trajnvagonoj kaj trako.

En la ĉiutaga vivo ŝi parolis kaj agis tute normale pri aferoj interesantaj okjarulojn. La zoon[1] ŝi amegis, same kiel Roĉjo, kaj multajn horojn ili pasigis en la porinfana parto, ludante kun la junaj bestoj.

Unu tagon dum ni kvarope vizitis la najbaran zoon, ni piknikis. Mia edzino estis pakinta amason da sandviĉoj, plurajn fruktojn, biskvitojn, fromaĝon, kaj ni aĉetis dosojn da limonado, pepsikolao, plus kelkajn glaciaĵojn. Dum ni piknikis sur la gazono, kelkaj dromiceoj rimarkis nin, kaj proksimiĝis. Subite, dromiceo ekplukis sandviĉon el la mano de Roĉjo kaj forkuris kun ĝi. Nu! Irenjo, kiu neniam antaŭe renkontis tiel proksime dromiceon, klare ektimis. Singardeme ni tuj kovris niajn manĝaĵojn, kaj ĉiam mordonte sandviĉon aŭ biskviton certiĝadis ke neniu dromiceo proksimas, kiam ajn ni mordis sandviĉon aŭ biskviton. "Ĉu ili abundas ĉi tie, tiel liberaj?" Irenjo demandis. Mi devis agnoski ke jes, en la zoo troviĝas multaj, ili estas tre kutimaj birdoj ĉi tie en Aŭstralio. Kaj — ĉar tiel evidente ŝi estis alarmita — mi senantaŭpense ĉirkaŭbrakis ŝin. Ŝia vizaĝo esprimis miregon, kaj dum du-tri sekundoj ŝi restis en miaj brakoj; post tio, ŝi kvazaŭ konsciiĝis pri la situacio kaj eltiris sin.

"Nu, do ŝi ne centprocente malfidas prenkreskulojn," mi pensis. Poste mi trovis ke mi plene miskomprenis ŝiajn reagojn. Sed pri tio, ne nun.

En la zoo Irenjon tre interesis la belaj ptilorinkoj, (*Ptilonorhynchus*

[1] Zoologian ĝardenon.



Ptilorinko

*violaceus*), precipe la nekutima nesto kiun ĝi konstruas kiel loĝejon por sia familio. "Tian beston mi neniam antaŭe vidis," ŝi komentis.

"Pli precize, ĝi estas birdo," mia edzino komentis.

"Birdo estas nur ia speco de besto," Irenjo replikis. "Ĝi vivas, samkiel vi kaj mi kaj…" Ŝi ekĉesis paroli.

"Kaj kio?" mi demandis.

"Ne scias," ŝi pludiris, kaj post tio ŝi obstine silentis.

Roĉjo defendis ŝin. "Ne gravas tro detale distingi," li komentis. "Kiam oni volas paroli, oni parolas. Kiam oni preferas silenti, oni rajtas silenti. Ne insistu trude."

Roĉjo nun jam de pluraj monatoj ŝirmas Irenjon, kvazaŭ kontraŭ atakemuloj. Ĉu iel li sciis pri ŝi pli ol ŝi volis komuniki al la plenkreskuloj? Kelkfoje li diris al mi iom kolere, ke la instruistoj postulas respondojn de ŝi kiam ŝi ne volas respondi, kaj li ripetis iom ŝablone "Kiam oni preferas silenti, oni rajtas silenti. Ne trudu vian insiston." Kvazaŭ li partoprenas en privata pakto kun Irenjo.

Nu, la homrajtoj superas ĉion alian. Mi devas respekti ilin.



Gimnorino

La sekvan kvaronhoron neniu el ni diris ion priparolindan. T.e., ĝis kiam al ni subite alarme kantis birdo. Mi ne multe atentis ĝin, sed Irenjo evidente ektimis tre forte. "Ĝi volas ke ni foriru," ŝi diris abrupte, nelaŭte. Prefere ni kuru. Ek!"

Mi ekrigardis ĝin, kaj kun ŝi ankaŭ mi komencis forpaŝi. "Ĝi estas Gimnorino (*Gymnorhina tibicen*)," mi diris. "Klare ni tro proksimiĝis al ĝia nesto."

"Ĝi elpikas okulojn," Roĉjo komentis.

"Ĉu?" Irenjo klare estis ŝokita.

"Nur kiam oni tro proksimiĝas al ĝiaj beboj aŭ ovoj," mi diris. "Ne nepras kuri, sed ja trankvile indiku ke ni foriras — nu, eble iom rapida trankvila forpaŝo."

"Tre strangan bestaron vi havas ĉi tie en Aŭstralio," Irenjo respondis. "En neniu alia lando mi trovis ion tian."

"Kiujn aliajn landojn vi vizitis, do?" demandis mia edzino.

Sed Irenjo kondutis kvazaŭ ŝi tute ne rimarkis la demandon. Laŭ sia kutimo, kiun ni tiom ofte jam spertis.

Ni tamen rimarkis ke nelonge post nia reveno al nia domo, Irenjo rapidis al sia ĉambro, prenis kelkajn desegnopapero-foliojn kaj siajn kolorkrajonojn, kaj komencis tre zorge, kaj precize, skizi bildojn de diversaj flugbestoj — birdoj,

abeloj, eĉ aglo. Sub ĉiu bildo ŝi tre zorge literumis la nomon de la koncerna besto. Sed sub la bildo de aglo, tre tre zorge ŝi orname literumis la nomon Irenjo.



ABELO



IRENJO

........................................................

"Ĉu vi trovis mian specialan globkrajonon?" Irenjo demandis al mi kelkajn tagojn poste.

"Specialan?" mi diris. "Mi vidis nur la kutimajn, kiujn ni uzas ĉiutage," mi respondis. "Kiel aspektas via speciala?"

"Ĝi estas blua, kaj sur ĝi estas gravurita per oraj literoj *Irenjo*," Roĉjo diris. "Ŝi uzas ĝin por specialaj celoj: desegnaĵoj, sia sekreta taglibro, kaj tiaĵoj."

"Eble ĝin prenis iu el tiuj dromiceoj," Irenjo heziteme komentis.

"Neniu dromiceo eniris nian domon," mi respondis. "Tia granda birdo ne povus eniri nian domon; kaj krome, ili estas kampobestoj, ili ne loĝas en urboj."

"Tamen jes," Roĉjo diris. "Najbaro nia havas dromiceon en sia ĝardeno."

Mi estis forgesinta tion. "Tiu sama najbaro kiu bredas alpakojn," mi diris. "Jes, tiu familio ja havas dromiceon. Ili akiris ĝin ĵus eloviĝintan, kaj ĝi estas tre amikema. Sed neniam mi vidis ĝin ekster ilia ĝardeno. Sed globkrajono, eĉ blua kun ora gravuraĵo, ne interesus ĝin — tiaĵo ne estas manĝebla. Ni vidis, en la zoo, ke la dromiceo ŝtelis nur sandviĉojn kaj aliajn manĝeblaĵojn."

"Ĝi havas specialan gravon por ŝi," Roĉjo diris. "Ĝi estas ŝia sola memoraĵo el Vieno."

"Sprichts du auch Deutsch?"[1] mi ekdiris al Irenjo.

Irenjo ne respondis, sed nur aliloken rigardis. Ŝi ekvidis nian blankan

1 Germanlingvaĵo: "Ĉu ci parolas ankaŭ germane?"

katidon, prenis ĝin kaj komencis karesi.

Roĉjo respondis anstataŭ ŝi. “Ŝi egale bone uzas kaj la anglan kaj la germanan.” li diris. “El la biblioteko de la lernejo ŝi ofte pruntas german-lingvajn librojn.”

“Kiuspecaj libroj plej interesas ŝin?” mi demandis al li.

“Precipe krimromanoj.”

“Kiuj aŭtoroj?” mi pludemandis.

“En la angla, ŝin fascinas Arthur Conan Doyle kaj Rex Stout. En la Germana, Doris Gercke kaj Bernhard Schlink. Kaj krome, ŝi legis preskaŭ ĉiujn verkojn de Robert van Gulik, plejparte anglalingve.” Roĉjo evidente sciis multajn detalojn pri Irenjo.

Irenjo delikate metis la katidon sur la plankon. Ĝi tuj komencis ludi per la laĉo de unu el la ŝuoj kiujn ŝi estis demetinta. Iom post iom la ŝuo komencis promeneti ĝis la sofo, kaj post kelkaj momentoj eĉ sub ĝin. La katido sin turnis al Irenjo kaj kvazaŭ ekspekte rigardis ŝin. Ridetante, ŝi ŝajnigis serĉi ĝin diversloke — sur la tablo, apud la lampo, sub sia seĝo, kaj fine sub la sofo. Ŝi ekkrietis kvazaŭ ĝuste solvinte enigmon, kaj la katido komencis ronroni.

Ili daŭrigis tiun ludon kiun klare ĝuis la katido. Post pluraj aliaj provoj, dum kiuj la katido ludis per ia malgranda aĵo kaj “akcidente” ŝovis ĝin sub iun meblon, kaj Irenjo plezuriĝe “serĉis” la aĵeton ĝis fine trovi ĝin sub la ĝusta meblo, la katido kondukis ŝin en la kuirejon kaj staris gapante sian malplenan bovleton en kiu devus troviĝi lakto. Irenjo ridetante prenis botelon da lakto el la fridujo kaj verŝis iom en la bovleton, kaj rigardis la katidon volontege elleki ĝin.

Irenjo revenis en la salonon kie ni sidis, kaj sciigis: “Mi kredas ke mi solvis la krimon pri la ŝtelita globkrajono!”

“Ĉu?” mi diris.

Ŝi iris al la soffinaĵo plej proksima al la pordo, kaj kuŝiĝis plate sur sia ventro. Okuluminte, ŝi ekanoncis plezure: “Mi vidas la globkrajonon!” Puŝinte sian nedikan brakon sub la soffinaĵon, ŝi retiris ĝin, kun la globkrajono en la mano. “Solvite” ŝi ekkriis. Al Roĉjo ŝi ordonis: “Venu, Roĉsono, vi devas verki la detalojn de ĉi tiu enigmosolvo en via historia arkivo!”

Roĉjo kvazaŭ ekscitite stariĝis kaj sekvis Irenjon en sian ĉambron.

Mia edzino kaj mi rigardis unu la alian.

“Ankaŭ la mistero pri Irenjo estas solvita, mi opinias,” ŝi diris.

“Jes, mi respondis. Ŝiaj bildoj faritaj post nia reveno de la zoo — la nomoj sub la bildo de abelo kaj sub la bildo de la aglo estis speciale desegnitaj kaj koloritaj.

“Germane, la vorto por ‘aglo’ estas ‘Adler’, se mi ĝuste memoras,” ŝi pludiris.

"Jes," mi diris. "Tamen la tempodaŭro ne ĝustas. Irenjo estas nur okjara, sed la Abelisto kaj la Aglo mortis antaŭ almenaŭ kvin jardekoj, mi ne memoras la precizajn datojn."

"Do ne ilia filino, evidente; sed preskaŭ sendube ilia prafilino. Hmmmm," komentis mia edzino.[1]

[1] Se vi mem ne sukcesis solvi la misteron pri Irenjo, eble utilos pripensi la verkojn de Arthur Conan Doyle. "La abelisto" = Sherlock Holmes. Kaj legi la artikolon pri Irene Adler en la diverslingvaj vikipedioj. Ankaŭ mian novelon en Mirmekobo 8 (marto 2010, paĝoj 27-30).

# spirita vivo

## La kanto de la animo

**de Jack Kornfield** tr. Julia 'Sigmond (Italio)



En orientafriko vivas tribo, kiu la aĝon de infano ne kalkulas de ĝia veno al la mondo, nek de la tago de ĝia koncipiĝo. Por ĉi tiu tribo la vivo de la infano komenciĝas kiam la estonta patrino pensas unuafoje pri sia naskiĝonta infano. La patrino sentanta ke jam venis la tempo ke ŝi koncipu infanon, retiriĝas en la arbaron kaj solece sidas sub arbo, ĝis kiam en sia sino ŝi ekaŭdas la kanton de la infano.

Tiam ŝi reiras al la vilaĝo kaj instruas la kanton al la estonta patro. Poste ili ambaŭ per ĉi tiu kanto vokadas la infanon. Kiam la infano koncipiĝas, la virino kantas al la infano portata en la utero, kaj ŝi instruas la kanton al la akuŝistinoj kaj maljunulinoj de la vilaĝo, kiuj — dum la akuŝo kaj en la mirinda momento de la naskiĝo — per ĉi tiu kanto salutas la infanon.

Post la nasko ĉiuj vilaĝanoj eklernas la kanton de la novnaskito. Ekde nun ĉi tiu kanto akompanos ĝin en ĉiuj gravaj eventoj de ĝia vivo. Tion oni kantas, se okazas iu malagrablaĵo, kantas okaze de triumfoj, de ceremonioj, de inaŭguradoj, aŭ ĉe la ceremonio de geedziĝo. Ĉe la fino de la vivo, la proksimuloj kuniĝas ĉirkaŭ la mortolito, kaj lastfoje aŭdiĝas en la tribo tiu ĉi kanto.

# konservendaj aŭstraliaj animaloj

## Rapide elmortas multaj specioj de bestoj kaj birdoj

**de Donald Broadribb** (Aŭstralio)



**Nigra kakatuo de Carnegy (*Calyptorhynchus latirostris*)**

Ĉi tiu birdospecio loĝas en sudokcidenta Aŭstralio. Ili manĝas ĉefe semojn kaj insektolarvojn. Ili havas tre fortajn bekojn kaj atakante insektojn aŭ semojn, ili trapikas eĉ relative dikajn arbobranĉojn (3-4 centimetrojn), kiuj sekve falas sur la teron. Ĉar la branĉoj ofte blokas vojojn, multaj homoj penas fortimigi ilin.



**Orienta striita bandikuto (*Perameles gunnii*)**

Noktema marsupiulo nun trovebla en Tasmanio. Iniciato bredi la bestojn kaj poste liberigi ilin en protektejoj, ekz. Mt Rothwell en Viktorio, ebligis ke proksimume 2000 individuoj nun troveblas en la ĉeftero Aŭstralia.



**Bros-vosta rok-valabio (*Petrogale penicillata*)**

Preskaŭ elmortintaj kun escepto de kelkaj loketoj en Aŭstralio. En la jaro 2003 oni trovis kaj transportis al Aŭstralio 30 da ili el Novzelando, kaj oni nun bredas ilin por liberigo en protektataj lokoj en Viktorio kaj Novsudkrimrio.



Makroto supera (*Macrotis lagotis*)

Ĉi tiu marsupiulo, proksimume egale granda kiel malgranda kato, manĝas bulbojn, semojn, kaj insektojn. La specio preskaŭ tute elmortis, kaj provoj bredi kaj liberigi ilin en protektejoj plejparte fiaskis. En paskaj sezonoj, oni

klopodas vendadi ĉokoladajn makrotojn por anstataŭi la tradiciajn ĉokoladajn kuniklojn amatajn de aŭstraliaj infanoj, sed ĝis nun sukceso ne estis granda.



**Rufa valabio (*Largochestes hirsutus*)**
Proksimume granda kiel bros-vosta rok-valabio



***Galaxias truttaceus hesperius***

Ĉi tiu freŝakva fiŝsubspecio troviĝas en nur kelkaj kilometroj de tri riveretoj en suda parto de Okcidenta Aŭstralio, en la riveroj Goodga kaj Angove, kiuj estas partoj de la *Two Peoples Bay Nature Reserve*. La plenkreskaj fiŝoj estas ĉirkaŭ 13 centimetrojn longaj. Oni strebas konservi la subspecion per speciala apartigo de tiuj kilometrosekcioj, kaj zorga forigo de ĉiu media aŭ animala minaco.



**Okcidenta Marĉa Kelonio (*Pseudemydura umbrina*)**

Bruna kelonio, adolto longas ĉ. 15 cm, pezas 400-500 gramojn. Ekzistas proksimume dudeko da tiuj sovaĝaj kelonioj, ĉiuj en la *Ellen Brook Nature Reserve* en Perto. La Perta Zoologia Ĝardeno ankaŭ sukcesis bredi ĉ. 500 individuojn, kaj ilin liberigi en marĉan regionon.



**Eptianuro *Epthianura Croce***

Ĉi tiuj birdoj ankoraŭ troveblas sur Insulo Curtis (en la aŭstralia ŝtato Kvinslando) kaj najbaraj regionoj. Ĝi estas proks. 11 cm. longa, kaj pezas proksimume 9 gramojn. Konjekteble ĉ. 50 adoltaj birdoj ĉi tiaj vivas tie.



**Pluvarbara Heliko (*Thersites mitchellae*)**

Nun trovebla nur en malgranda parto de la norda marbordo de Novsudkimrio.

# notoj

Mankis en la rakonto "Kaj la Miserere. Lasta graco" en *Mirmekobo 17* bibliografia informo pri la *Kolektitaj Poemoj* de Francis Webb. Aldonenda informo: Francis Webb: *Collected Poems.* Perth, Aŭstralio: University of Western Australia Publishing, 2011.

---

# enigmo

## de Sen Rodin (Italio)

## LA 100-Kilometra ponto

Super markolo oni konstruis 100-kilometran ponton. Ĝia ŝarĝeblo estas 40 tunoj (t.e.: ĝi povas elporti ekzakte 40 tunojn; eĉ unu sola plia gramo faligus ĝin).

Giganta dizelmotora kamionego "TIR", pezanta ekzakte 40 tunojn, suriras la ponton. Neniu alia veturilo troviĝas sur ĝi, nek suriras la ponton dum la irado de la kamiono.

Post 50 kilometroj iu pasero, pezanta 25 gramojn, eksidiĝas sur la kamiona stir-kajuto. Kio okazas?

***Respondo sur paĝo 17***

# geografio/religio

## Malto eklezie rigardata

### *Vid-al-vide kun Sankta Paŭlo*

**de** ***Carmel Mallia*** (Malto)



La nomon Sankta Paŭlo mi aŭdis diversloke kaj diversmaniere: en la predikoj, en la libroj kaj nekredeble eĉ en kanzonoj. Sed mi neniam renkontis lian nomon tiom ofte kiom en mia biblia studado. Plue, la Paŭlaj jubileo-festoj de antaŭ kelkaj jaroj plu kuraĝigis min eniri pli detale lian karakteron.

Permesu al mi aldoni ke antaŭ kelkaj jaroj mi trastudis elektronike biblian kurson kaj prezentis mian magistran tezon ĝuste pri Sankta Paŭlo. Eble estas ĝuste rimarki ĉi tie ke en Malto kiam oni mencias la nomon de Sankta Paŭlo oni ĉiam precizigas: "*Nia Patro* Sankta Paŭlo"; krome la versoj en la Agoj de la Apostoloj, fakte la rakonto de la ŝippereo de ĉi tiu sanktulo apud Malto (de ĉap.27:1 ĝis ĉap.28:11), estas por la maltanoj la plej koloraj versoj de la tuta Biblio.

Paŭlo tiel proklamis sian doktrinon, ke li ŝanĝis sekton en Jerusalemo en eklezion por ĉiuj. Estis li kiu plene malfermis la pordon de ĉi tiu nova asocio por nehebreoj. Jen vere demokrata evangelio. Paŭlo ĵetis sian kaptilon; kiu deziris eniri ĝin, estis bonvena.

Kion ni scias pri ĉi tiu 'apostolo'? Nu kion ni scias venas el du fontoj bibliaj:

El la *Agoj de la Apostoloj* verkitaj de Sankta Luko post la morto de Paŭlo

El la leteroj mem de Paŭlo.

Ni scias, ke Saŭlo, la antaŭa nomo de Paŭlo, naskiĝis en Tarso, hodiaŭ urbo en Turkio; ni scias, ke li laboris kiel kiel tendoŝnurfaristo; ni scias, ke li studis en Jerusalemo sub konata instruisto kaj ke li estis romiano. La stilo de liaj leteroj similas al tiu de la grekaj filozofoj, krome konsiderita belega. Mallonge dirite, li posedis hebrean edukadon kaj grekan kulturon. Super ĉio, li estis Fariseo, t.e. membro de tiu religia asocio kiu srikte obeis la Mosean leĝon aŭ 'Toraon'.

La duono de la vivo de Paŭlo kaj liaj leteroj cirkulis ĉirkaŭ unu centro: lia renkontiĝo kun Kristo en la jaro 36 PK (1 Kor. 15:8-10). Ni scias, ke ĉi tio okazis kiam li iris al Damasko por kontraŭbatali la Kristanojn, ĉar li kredis ke ĉi tiuj forlasis la hebrean leĝon, estante sendependaj de la Mosea etoso. Paŭlo certigas nin, ke li renkontis Jesuon. Sed kiel? Nur li scias kiel. Kvankam notindas, ke ĉi tiu renkonto estis ne nur konverto, ĉar li tute ŝanĝis sian vivon

irante de mallumo al lumo, sed eĉ Dia alvoko. Sekve li iĝis predikanto de Kristo kaj sekve ĉi ties grandega *doulos* servanto).

Sankta Paŭlo havas kompleksan karakteron, sekve iafoje li ne estas facile penetrebla, do oni bezonas sufiĉe preparitan menson por kribri kaj kompreni lin. Teologoj kaj bibliistoj ĉiam trovas ion novan en liaj leteroj. Li estas plurfaceta: nun li laŭdas, poste li kritikas, nun li postulas la liberigon de sklavo, poste li proponas ke virinoj silentu, poste li kondamnas la samseksulojn. Plue, kelkfoje li tedas, argumentante pri la graco-donacado, kaj kiel la graco trafas nin, aŭ diskutante pri la pravigo de ĉi Dia graco. Mia Dio! Kaj ĉu mirinde do, ke li konfliktis kun Sankta Petro, fakte la plejaĝa inter la estroj en Jerusalemo, kaj ke Petro devis akcepti lian sintenon? Super ĉio, ĉu ne Paŭlo mem diris: "Mi konas tiun, al kiu mi kredis" (II Tim.1,12)?

Unuvorte Sankta Paŭlo, estante mediteraneano laŭ sango, kiel ni maltanoj, estis tiom incitema ke li almenaŭ unufoje defendis sian honoron. Kaj li pravis senti sin tiel. Tamen malgraŭ ĉio oni ne povas ne konsideri lin kiel la unuan grandan kristanan teologon, kiu certigis la bazon de la Eklezio kaj de la kristana fido. Laŭ mia opinio, anstataŭ nomi nian asocion "Krista Eklezio" ni devus komenci nomi ĝin "Paŭla Eklezio". Aliflanke bibliistoj eksplikas ke li neniam citas Kriston aŭ lian doktrinon. Ĉu do li nenion sciis pri la Kristaj vortoj, tiom homecaj kaj tiel karitatemaj? Tion certe mi tute ne povas akcepti. Verŝajne li havis siajn kialojn en sia sinteno.

Tamen estas vere ke, por diri ĉion, la doktrino de Paŭlo estis bazita sur Kristo mem, sed... Tamen ĉi tiu "sed" estas tre grava ĉi tie, ĉar lia doktrino baziĝas nur sur Kristo mortinta kaj resurektinta. La lastaj du vortoj estas do la ununura dupieda bazo de la Paŭla doktrino. La tria piedo estas Paŭlo mem. Jen la tuta Kristo por Paŭlo: Kristo mortinta kaj resurektinta. Nenio pli. Antaŭ ol Paŭlo renkontis Kriston, la morto de Kristo kiel Mesio estis falilo (*skandalion*) (I Kor.1,23). Ĉu povis esti vere ke la Mesio de la hebreoj mortis krucumita? Tio, kio por li antaŭe estis skandalo, iĝis liberigilo por ĉiuj kristanoj, inkluzive de la konvertitaj hebreoj. Do ĉu ni povas iel duagradigi Paŭlon? Certe ne. Li estis tute prava. Li estis giganto. Eĉ post du mil jaroj li restas grava por la kristana fido. Kaj atentu: unuflanke la katolikoj lin laŭdas, laŭdegas eĉ, kaj prave, sed la Protestantoj ne malpli ol ili, ĉar eĉ ili metas lin sur piedestalon.

Paŭlo estis pasio-plena idealisto. Tion atestas la letero al la Galatoj. Kiam li aŭdis, ke iuj konvertitoj volis la cirkumcidon, li koleriĝis. Nu ni ne forgesu ke Paŭlo suferis por propagandi sian novan mesaĝon. Memoru kiom li vojaĝis, kiom li instruis kaj koliziis kun alies ideoj — ĉiam utile kaj efike — sed li asertis ke post ĉio ĉi, Dio lin premios. Ne nur, sed li kredis sin rekompencota de Dio. Li skribis: "Mi batalis la bonan batalon, mi finis la kuradon, mi

gardis la fidon; de nun estas konservita por mi la krono de justeco" (II Tim.4:7,8). Kia fido en Dio! Kvankam laŭ mi tro postulema, venanta el apostolo kiel Paŭlo.

Abrahamo havis privatan fidon en Dio, sed Paŭlo havis "novan fidon" en Kristo, la Difilo, unu kun sia Patro. Ĉe Paŭlo, la fido estas la centro de lia doktrino. Ĉi tion ni trovas en liaj leteroj al la Galatoj (2:16) kaj al la Romanoj (3:28). Rilate tion, la Protestantoj miskomprenis Paŭlon kaj ankoraŭ miskomprenas lin. Jen, diras ili, Paŭlo skribis, ke nur per la Fido ni saviĝos (*sola fides*). Sed Sankta Jakobo aldonis, por saviĝi, la bonajn agojn. Nu nur tiuj kiuj bone pristudas Paŭlon ekscias, ke li ne forgesis ĉi tiujn bonajn agojn — ĉar ĉu Paŭlo mem ne estis la plej granda atesto de la Jakoba sinteno?

Estas pli bone paŭzi, ĉar kiel mi jam diris, se oni komencas ekspliki Sanktan Paŭlon, oni sin trovas en senspiriga senelirejo. Por ekkoni lin estus pli bone legi liajn leterojn kun komentoj apude, lin meditante. Kondiĉe tamen, ke oni estu pacienca. Miaparte, ĉi tie mi trinkigis al vi nur guteton el la Paŭla oceano, montrante, ke mi renkontis lin vid-al-vide. Mi plonĝiĝis, tute ĝenerale, en lian doktrinon kaj elakviĝis nur malseketa, ĉar Sankta Paŭlo estas enciklopedio, vere tute ĝuinda.

*Predicator veritatis et doctor gentium*. Paŭlo estis predikanto de la vero kaj doktoro aŭ profesoro de diversaj rasoj (*didaskalos*, li mem priskribis sin en I Tim.1,11). Kristo rajtas fieri, ke li havas figuron kiel Sanktan Paŭlon por dissemi Lin, laŭ sia speciala evangelio, tra la tuta tero. Ĝis kiam menciiĝas la nomo de Sankta Paŭlo menciiĝas Kristo. Krome ĉu oni povas kromnomi lin *alter Kristus* — alia Kristo? Kial ne?



*PS-La apuda bildo montras la statuon de Sankta Paŭlo en la samnoma preĝejo en la ĉefurbo La Valeto, Malto. Ĉi tiun statuon oni paradas en procesio la 10-an de februaro ĉiujare, nacia festo en Malto.*

***De la redaktoro:*** Paŭlo estas la patronsanktulo de Malto. Laŭ la rakonto en la Biblio kristana, dum romiaj oficistoj sendis lin el Cezareo al Romo, la ŝipo en kiu li veturis averiis apud Malto. Pri la tuta afero vi povas legi detale ĉe http://www.parsagard.com/shipwreck.htm.

La 10a de februaro estas festotago dediĉita al Sankta Paŭlo, en Malto. La oficiala religio de Malto estas la romkatolika kristanismo, kaj oni festas lian trimonatan restadon en Malto, kie, laŭtradicie, li enkondukis kristanismon en Malton, en la jaro 60. Post sia restado en Malto, Paŭlo estis plutransportita al Romo, por esti juĝata de tribunalo pro akuzo pri perfido.



Desegnaĵo de la ŝipo en kiu vojaĝis Sankta Paŭlo, kiam ĝi averiis apud Malto.



Golfo de Sankta Paŭlo
(laŭ la tradicio, la loko de la ŝipaverio)

---

## enigmosolvo

Nenio okazas. La nafto konsumita por iri 50 kilometrojn certe pezas pli multe ol 25 gramojn. Do nun la kamiono pezas malpli ol 40 tunojn!

# anekdoto

## Oni ne scias

**de Ljubiša Rajković Koželjac**
**tr. Mirić Jadranka** (Zaječar -Serbio}

Mia unua najbaro Trajĉe Cvetanović devenas el suda Serbio. Animzorgema, bonkora homo kaj honesta, do, kiel tia homo, al mi li estis tre kara. Dum jaroj ni amikadas. Longpensanta, saĝulo sed vortavara.

Hieraŭ posttagmeze, ĝuste kiam mi vizitis lin por tondigi miajn harojn, ia nubego aperis je monto Rtanj.

"Najbaro mia, mi soifegas. Se nun ekpluvos estos plezurego!"

"Ne eblas scii" diris sekgorĝe li, mallongigante mian maldekstran tufon.

Kaj vere: hajlegis, detruiĝis ĉio: rikoltaĵoj, estis disrompitaj tegmentaj tegiloj sur domoj, ĵaluzioj ŝiritaj, frakasitaj fruktoĝardenoj, vinberoj ruiniĝis, damaĝita estis ĉio. Poste ĉiu diris: "Estus pli bone se sekeco daŭrus. Ne ekestus ĉi tia damaĝo."

Kaj kiam Nenad Čirić, nomata Neŝa (konfuzilo), edziĝis, lia junedzino estis belulino kian la urbo sub Kraljevica (arbarparko) neniam vidis ĝis tiam, kaj avino de Vlada diris dum la geedziĝa festo:

"Ho, li estas bonŝanculo. La junedzino kiel feino! Li estos feliĉa kun ŝi!"

Trajĉe nur ekflustris tra dentoj: "Ne eblas scii"

Kaj vere: pasis jaroj kaj Olgica, la junedzino de Nenad neniel gravediĝis — restis ŝi senfruktulino.

Nenad ne forpelis ŝin de sia domo. Ili vivis daŭre kune sed sur la vizaĝo de Nenad ridon oni ne povis vidi.

Kiam Ivica dungito de Jugodrvo[1] gajnis loterian premion kaj aĉetis Mercedeson, ĉiuj enviis lin, kaj lia ĉefdirektoro Žika Švargla antaŭe tre fiera pro sia laboristo diris al li: "Tio estas bonfortuno!"

"Ne eblas scii" diris Trajĉe.

Kaj vere: Tri tagojn post ŝofora ekzameno Ivica karambolis kun traktoro ĉe la vilaĝo Mali Izvor — ekde tiam li piediras kun lambastono.

Mi ne plu diras ion antaŭ Trajĉe, ĉar mi scias kion li diros.

Tamen, ĉi tiun matenon mi forgesis pri mia promeso, kaj alparolis lin dum nia kafumado.

"Ĵus min vokis Marina, malaperis ŝia bovido el stalo. Certe, tiuj Romaoj el

[1] Meblofirmo.

Kulište forŝtelis ĝin!"

"Ne eblas scii!" ĉagrene respondis Trajĉe. Kaj vere: ĉirkaŭ tagmezo rimarkis mi la ŝtelitan bovidon de Marina en mia ĝardeno. Ĝi pace paŝtadas sin en ĵus plantita tomatejo! Mi draŝegis ĝin kiel bovon en brasikon![1]

[1] [Populara esprimo: "bati iun kiel bovon en brasikon" La eldiro signifas bategi iun kiel neniam ĝis nun]

---



La juna kakto-familio, de la kakto aperinta sur paĝo ses de *Mirmekobo 13* (junio 2011), en la ĝardeno de via redaktoro

# poezio

## **de Petro Palivoda** (Ukrainio)

### Muziko

Solviĝos en muzik' esenco mia,
per ondo kolizias kun etero,
leviĝas super falso, super vero
kaj perdas originon materian.

Foriĝos por eterne homaj limoj,
al mi etendas manojn milionoj.
Fluadas mi – jen bono, jen malbono,
venen', balzam' inspiras la animojn...

...Vizi' degelis, estas mi en ordo,
la samaj kavaj vangoj, sekaj lipoj...
Violonisto arĉas jam ne kordojn,
sed miajn ripojn.

### Silento

Literoj, vortoj, propozicioj,
ĉeestas interpunkcio,
vortordo perfekte korekta,
espero kaj ĝojo-malĝojo —
ĉio en sortimento.

En la silabinterplekto
parolas ni per silento.

***

dum mi aŭdas
voĉon vian
dum okulojn viajn
vidas
mi aŭdas
mi vidas

## Rigardo

sunaj varmegaj okuloj
ombro de birdo sur muro
printempa aero
muziko
el mia fenestro
ŝajnas la mond'
kvarangula

## Dezerto

ni iras daŭre
mortas pro soifo
ne sun' karesas
pato ardigita
sur niaj langoj
vortoj sufokiĝas
oazo
ni iris daŭre
mortis pro soifo
miraĝo

***

vi estas ploro
se mi ploras
vi estas rido
se mi ridas
vi estas morto
se mi mortas
vi estas vivo
se mi vivas

vi estas ploro
vi estas rido
vi estas morto
vi estas vivo

mi ploras
mi ridas
mi mortas
mi vivas

## Kompreno

Mi komprenas:
Tero estas globo,
duoble du faras kvar,
vintre estas tago plej mallonga,
estas plej varme somere.
Kiel multe mi komprenas!
Kiel malmulte mi komprenas...

***

nuboj kovradas
stelojn
neĝo kovradas
florojn
nenien mi iros
hodiaŭ

***

ridi
kiam estas ridinde
plori
kiam estas plorinde
feliĉe
libere
freneze

***

en sunradiaro
en fajfo de vento
en frapo de pluvo
per kiuj kordoj
ni estas ligitaj
al mi intertempe ŝajnas
ke mi jam vivis
kaj ofte
ke mi nur komencas
vivi

# memorigilo

## 150a jaro de *Alico*

### de Donald Broadribb

La 4an de julio 1862 Charles Lutwidge Dodgson (pseŭdonimo: Lewis Carroll) kaj lia amiko pastro Robinson Duckworth remis en boato sur Rivero Tamizo, kun tri junaj filinoj de Henry Liddell: Lorina Charlotte Liddell (13-jara), Alice Pleasance Liddell (10-jara), kaj Edith Mary Liddell (8-jara). Charles Lutwidge Dodgson estis fama eksperto pri matematiko, docento en Universitato de Oksfordo. Henry Liddell, la patro de la tri knabinetoj, estis vicestro de Universitato de Oksfordo, kaj amiko de Dodgson kaj Duckworth. Liaj tri filinetoj estis bonaj amikoj de Dodgson kaj Duckworth.

Dum tiu plurhora ok-kilometra veturo, la infanoj postulis ke Dodgson rakontu al ili. Tiutage li komencis novan rakonton pri juna knabino kaj blanka kuniklo. Tio tiom interesis la infanojn, ke Alice Liddell petis ke li skribu ĝin post la veturo. Tion li faris, kaj dum postaj monatoj li poluris ĝin, kaj du jarojn post la boatveturo li donacis bele manskribitan libreton al Alice Liddell, kiu estis la supozata heroo de la rakonto. La libreton li titolis *La aventuroj de Alico sub la tero*, kaj li desegnis en la manuskripto iom lerte multajn scenojn kaj ulojn rolantajn en la rakonto.



Alice Liddell desegnita de Lewis Carroll

En 1865 plilongigita kaj zorge redaktita teksto eldoniĝis kun la titolo *La aventuroj de Alico en Mirlando*, kun abundaj ilustraĵoj faritaj de profesia artisto John Tenniel. Tiuj ilustraĵoj rapide iĝis kvazaŭnatura parto de la verko. Charles Lutwidge Dodgson uzis pseŭdonimon Lewis Carroll, por povi distingi tiun (kaj aliajn literaturaĵojn liajn) disde liaj teknikaj libroj pri matematiko.

*Alico en Mirlando*, kompreneble, iĝis klasika verko tutmonde konata kaj multmilfoje reeldonita.

Nunjare, por festi la 150-jariĝon de *l*a originalo de *Alico en Mirlando*, irlanda eldonejo Evertype Publishing reeldonas la originalajn verkojn de Lewis Carroll, ne nur *Alico en Mirlando*, sed la pli fruan tekston *La aventuroj de Alico sub la tero* kun la ilustraĵoj desegnitaj de Carroll, lian postan verkon *La aventuroj de Alico trans la Spegulo*, krome aliajn famajn verkojn liajn, ekz. *Ĉasante la snarkon*, ne nur la anglalingvajn tekstojn sed ankaŭ la tradukitajn tekstojn en multaj lingvoj. Eĉ plie, multajn disertaĵojn kaj aliajn studojn pri liaj verkoj, kaj verkojn en kiuj diversaj aŭtoroj parodiis, imitis, aŭ partuzis liajn alicaĵojn. Vi povas trovi detalojn pri tio ĉe http://www.evertype.com/carrolliana.html.

Jen kelkaj desegnaĵoj faritaj de Lewis Carroll mem por *La aventuroj de Alico sub la tero* kaj de John Tenniel por la presita eldono de *Alico en Mirlando*:

| *De Lewis Carroll* | *De John Tenniel* |
| --- | --- |
|  La blanka kuniklo |  La blanka kuniklo |
|  Alico naĝas en la lageto da larmoj |  Alico naĝas en la lageto da larmoj |
|  La lacerto supreniras pro piedbato de Alico |  La lacerto supreniras pro piedbato de Alico |

## sat-iro

# Pri Aŭstra-Lia vojaĝo.

*(Muzaika skerco)*

Legas la famulo kies voĉon vi jam devas koni.

La aŭtoro: Gaŭ Zi Zu, la fama verkisto el la Ĉe-Nia Popola Ret-publiko. Vi ĉiuj devas rekoni la agrablan biskvitan voĉon de nia kara kunlaboronta aŭtoro.

La titolo: Pri Aŭstra-lia vojaĝo.

*(retradia versio de la turista rakonto, prezentota en www.muzaiko.info)*

Saluton, karaj geaŭskultantoj!

Mi gratulas vin! Finfine, mi povas ĝojigi la plej ŝatatan retan radion, en kies reto mi nun bedaŭ..., pardonu, feliĉe en-nestas. Realiĝis la plej grava mia revo. Al mi okazis por unu semajno sonĝadi en la fabela lando Astralio — lando de astraloj-pitekoj.

Pri tiu ĉi bela lando kun la noto "fa", mi kaj vi, kune ni, ni povas lerni laŭ la interresta kaj ekzo-tikla gazeto *Mirmekobo* (nu, kiu el bestoj estas tiu ĉi "mekobo" mi ne eksciis ĝis nun, sed mi kun plezuro Mir-as la fa-meko-natan, nu, famekonatan aŭ kome-fanatan gazzzeton).

Do, jen, antaŭ unu semajno mi kun granda feliĉo forvojaĝis forfluge sur mia divana aeroplano (nu, tiu lignaĵo de la fratoj "Allrights" aŭ "Foolrights"[1], mi ĝuste ne memoras nun kiel ĝustas laŭnome tiu flugmaŝina kompanio)... Jes, falis sur min la fortuno... aŭ mi falis sur la fortunon, pli kurte, okazis mi fatale en la giganta insulo, kiu troviĝas ie meze de Akcidenta Fulopo sur la volapjuka kontinento-materiko...

En la ĉefurba, Vi-ena, aeroplan-haveno mi estis amike akceptita far la bruaj tamtamoj de la kunfrata nia papuja aŭ paplanda diverskolora kaj duonnuda popolo kun la grandaj verdaj flagoj kaj balonoj, sur ĉi lastaj agrable ridante portretis mia bonkora vizaĝo. La tuta papuja folko-peoplo tre ĝojis je mia grava alveno kaj ĝia folkkoloro ekdancis antaŭ miaj okuloj en la bunta kalejdoskopo. Interalie, inter la diversnaciaj etnaj reprezentantoj kun entuziasmaj jubiloj staris tute verdaj, armitaj per pafarkoj kaj skribilaj lancoj, la kuraĝaj triboj de espoj kaj krokodiloj; nu, pri la gento nomata "espoj" mi ne ekskursos ĉi tie viki-pedie, ĉiuj ja konas, ke la espoj aperis antaŭ pli ol cent jaroj kaj estis tiuj

[1] La familia nomo de la fratoj Wright (kiuj faris la unuan aviadilan flugon en decembro 1903) sone identas kun la anglalingva vorto *right* = *rajto. "allrights"* = *"ĉiuj rajtoj"*; *"foolrights"* = *"stultulrajtoj"* [red.]

pioniroj kiuj unuaj komencis fervore lerni Esperanton dum Ludoviko dormis, kaj ili ĝis nun rongas la graniton de la esperantologia scienco.

Bonokaze, mi en la dia aŭ radia logo tute ne bezonis la komplezon de interpretistoj, ĉar ili ankoraŭ ne pretis je mia alveno. Do, mi ne bizonis, kiel ĉiu honesta taŭro, honestajn interpretistojn kaj aliajn komentariistojn en la dialogo inter la kulturoj, ĉar la ĉarmaj aborigenoj kun abort-reginoj perfekte balbutis en iu germana dialekto — angliŝa jidiŝo aŭ jidiŝa angliŝo —, mi nun ne memoras en kiu slango nome okazis la bal-bunta babilo. Nu, ne grafas!

La dialogo poliglota bonokazis (jes, bone okazis) dank' al mia eksperienca sperto: ĉar mi tre bone scipovis ekde mia lerneja periodo, nu kiam mi estis tre malgranda bubo aŭ bebo, do mi ripetas, ke mi tre bone sciis min esprimi en la pleskaŭ germana (aŭ en es-panjolo: er-mana) ĵargono kaj argotaĵo.

Do, mi tuj konk-ludas ĉi tie, karaj gesinjoroj ge-aŭs-kultantoj, ke

... en la sonĝo al mi treege plaĉis la palacoj de Hofburgo (urbo de iu zamenhofa pra-pra-praulo), de la konata tre en la muzikista mondo Zajc-burgo (nu, iame Sala urbo apud Sala Vato en Basko-stano, kie abundas ruslingvaj “zajcoj”, t.e. leporoj en la slavona lango).

Ankaŭ sukcesis mi viziti dum mia solena vizito la aliajn lokojn, belajn kun la noto “fa”. Jen mi brave elbuŝigas kaj korekte desurlipigas tiujn geografiajn nomojn de la ĉarma Aŭstra-io: Gabsburgo, Hercburgo, Ŝercburgo, Amperburgo, Kilovoltburgo, Am- aŭ Ĥamburgo, Njam-njamburgo, Jeburgo, nu tiu apud Jekaterina burgo kaj multaj aliaj burĝaj urboj. Kiel diras la riĉaj apudromaj kaj aromaj latinanoj: “urbis burgis et orbis orgis” — aŭ en bonvola traduko: *oĥ, rajdis-rajdis ĉie mi!...*

En la fino de mia bombasta parolo mi kun granda malplezuro volas eldiri al ĉiuj ŝatantoj ĉion, kion mi pensas pri ili kaj pri la vojaĝo, kiun mi somnambule trafis per mia sofa sofistiko sur la divana diveno:

“Karrraj kara-ven-estroj kaj kara-van-estroj, vojaĝu ĝue en la sonĝoj al la astronomie bel-lega Aŭ-Strangio de la nova kontinento Aŭ-strio.”

Vin kun serioza mieno kaj humura sinteno kuraĝe ĉiĉeronis tra la sonĝoj sendorme via Gaŭ-lajter Gaŭ Zi Zu. Ĝis!

---

# La Mirmekobo



Kiel besto, la Mirmekobo (*Myrmecobius fasciatus*) estas preskaŭ elmortinta en sia indiĝena teritorio. Sed en sia revua formo, ĝi estas internacie havebla senpage, kaj ni esperas ke vi enhejmigos ĝin, nutros ĝin per viaj legado kaj kontribuo de enhavo, kaj ĝuados ĝin.

Adreso de la redaktoro por ĉiuj komunikaĵoj, por peti ekzempleron aŭ por peti abonon, kaj por sendi kontribuaĵon:

donbroadribb@mirmekobo.com

Abono al la revuo estas senpaga. Ĉar neniuj surpapere presitaj ekzempleroj ekzistas, neniu preskosto ekzistas. Se vi deziras mem per via komputila presilo presi ekzemplero(j)n, por vi mem aŭ por aliaj, tion vi rajtas fari laŭdezire kaj senpage.

La revueto Mirmekobo estas sendependa, kaj subtenas neniun ismon. Artikolojn povas kontribui iu ajn. Tre bonvenaj estas literaturaĵoj: noveloj, poemoj, prozaĵoj iaspecaj; esprimoj de vidpunkto; historiaĵoj; prezento de interesaj hobioj; biografiaĵoj, aŭtobiografiaĵoj; legendoj, mitoj… Bildoj, ĉu fotoj, ĉu desegnaĵoj, ĉu klarigaj, tre bonvenos. Reklamojn, anonc(et)ojn, propagandon, lingvajn studojn aŭ kritikojn, pornaĵojn, Mirmekobo malakceptas. La redaktoro rajtas akcepti, modifi, aŭ malakcepti ian kontribuaĵon, kiun li opinias malkonforma al la karaktero kaj reputacio de la revueto. Korektojn evidente bezonajn li rajtas fari, konsultinte la verkinton.

© kopirajto apartenas al la verkinto de kontribuaĵo.

Represo de kontribuaĵo estas permesata, se permeson konfirmas ĝia verkinto.

Malnovaj numeroj de *Mirmekobo* troviĝas ĉe www.gazetejo.org/mirmekobo kaj ankaŭ ĉe la retejo de la revuo::

mirmekobo.com

Redaktoro: Donald Broadribb